# LITERATURA MONDO




TRIA JARO
DEKUNUA NUMERO

BUDAPEST
NOVEMBRO 1924

REDAKTA KOMITATO:
KOLOMANO DE KALOCSAY, PAULO DE LENGYEL, PAULO BALKÁNYI,
KARLO BODÓ, JULIO BAGHY, PAULO VARSÁNYI

ELDONEJO HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO BUDAPEST VI. EÖTVÖS-UTCA 3

**NIA KUNLABORANTARO**

LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HELMI & HILDA DRESEN (TALLINN), NIKOLAO HOHLOV (ZAGREB), IVAN H. KRESTANOFF (DRESDEN), A. MAZZOLINI (FERMO), JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), PAUL MEDEM (KAUNAS), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAUL NYLÉN (STOCKHOLM), EMMA L. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (CHISINAU), M. SOLOVJEV (NOVI SAD), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), RAYMOND SCHWARTZ (PARIS), J JURYSTA (CZÉNSTOCHOVA) STANISLAW BRAUN (LODZ), HENRIKO SEPPIK (TALLINN), DANIEL EYQUEM (PARIS), ZANONI. RESPONDA REDAKTORO: DRO TEODORO SCHWARCZ

## KARA LEGANTO

Se vi eble trovas tro maldika nian revuon, pripensu ke la nombro de niaj *paĝoj* dependas de la nombro de niaj *abonantoj*, do ankaŭ de *via* abono kaj propagando.

Sube ni publikas la nombron de abonantoj laŭ landoj. Ĉi tiu statistiko certe ne montras la gradon de literaturemo aŭ oferemo en la respektivaj landoj, eĉ ne la disvastiĝon de nia novado tie, la grandaj ciferoj montras nur pri la *fervoro de kelkaj personoj por ni laborantaj*. Se ĉie ni trovos tiajn personojn, nia afero estos savita. Ĉu *vi ne volus esti tia persono?*

Multaj homoj volonte legas kaj abonas, sed ili ne estas sufiĉe agemaj por skribi mendkarton, iri al poŝto, ktp. Tiajn homojn oni *devas kapti*. Ĉu vi ne volus fari kelkajn tiajn kaptojn?

Se vi ignoras, kiel tro ideala homo, tiun rabaton, kiun ni donas al niaj abonkolektantoj, eble vi ne ignoros la rabaton, kiun ni donos en la formo de plimultiĝo de l'paĝoj.

Se vi estas riĉulo, *donacu por nia garantia kapitalo.* Nutru nian rekonvalescenton, resaniĝinte li laboros plenforte por la arto, por Esperanto, por vi.

Ĉu ne, vi *tuj faros vian eblon?* Kun antaŭa danko premas vian manon

*LA REDAKTA KOMITATO.*

## NOMBRO DE ABONANTOJ LAŬ LANDOJ

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio: . . . . . 13 | Ĉinujo: . . . . . 1 | Hispanujo: . . . 11 | Kosta-Riko: . . 1 | Polujo: . . . . . 24 |
| Aŭstralio: . . . . 5 | Danujo: . . . . . 3 | Hungarujo: . . . 60 | Latvujo: . . . . . 14 | Rusujo: . . . . . 1 |
| Belgujo: . . 1 (35) | Estonio: . . . . . 19 | Italujo: . . . . . 15 | Litovujo: . . . 8 (5) | Rumanujo: . . . 65 |
| Britujo: . . . . . 13 | Finnlando: . . . 1 | Japanujo: . . . . 5 | Meksikujo: . . 1 | Svedujo: . . . . 2 |
| Bulgarujo: . . . (5) | Francujo: . . . . 11 | Jugoslavio: . . . 3 | Nederlando: . . 5 | Svisujo: . . . . . 8 |
| Ĉeĥoslovakio: 3(12) | Germanujo: . . 14 | | Persujo: . . . . 2 | Usono: . . . . . 3 |

## DONACOJ POR NIA GARANTIA KAPITALO

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Sro Dro T. Schwartz: | hung. kr. | 1,000.000 | Sro E. Tolnai: | hung. kr. | 200.000 |
| „ S. Roboz: | „ „ | 2,000.000 | Grupo de Pécs: | „ „ | 300.000 |
| „ K. de Kalocsay: | „ „ | 1,000.000 | Sro S. Nagy-Molnár: | „ „ | 200.000 |
| „ Dro V. Tóth: | „ „ | 1,000.000 | Grupo de Debrecen: | „ „ | 100.000 |
| „ S. Kiglits: | „ „ | 500.000 | Sro Dro Joo: | „ „ | 100.000 |
| „ P. Balkányi: | „ „ | 200.000 | „ Berki: | „ „ | 50.000 |
| Belhorc-Grupo: | „ „ | 200.000 | „ P. Halmágyi | „ „ | 100.000 |

# LA VIRGULINO KIEL KAVALIRO

GOTTFRIED KELLER



Gebizo al siaj antaŭaj posedaĵoj estis akirinta ankoraŭ tiel multe da novaj, ke lia vidvino Bertrada estris ampleksan grafdistrikton kaj estiĝis fama en Germanujo same pro sia riĉeco kiel pro sia beleco. Kaj, ĉar ŝi samtempe prezentis kontraŭ ĉiuj grandan modestecon kaj afablecon, la trezoro de ŝia persono ŝajnis al ĉiuj riskemaj kaj hontemaj, kuraĝaj kaj timemaj, grandaj kaj malgrandaj nobeloj facile akirebla kaj ĉiu, kiu ŝin vidis kelkfoje, miris, kial do li ne jam gajnis ŝin. Tamen pasis pli ol unu jaro sen tio, ke oni ekaŭdis pri iu, ricevinta efektivan esperon.

Ankaŭ la imperiestro sciiĝis pri ŝi kaj, dezirante, ke tia eminenta feŭdo estu posedata de bravulo, decidis viziti la faman vidvinon dum vojaĝo kaj komunikis tion al ŝi per letero tre favora kaj afabla. Tiun li donis al certa juna kavaliro Zendelwald, kiu estis rajdonta ĝuste ĉi tiun vojon. Favore li estis akceptata kaj regalata de Bertrada, kiel ĉiu, kiu venis gaste en ŝian kastelon; li rigardadis respektplene la belegajn ĉambregojn, mur-dentojn kaj ĝardenojn kaj apude li ege enamiĝis al la posedantino. Sed malgraŭ tio li restis eĉ ne unu horon pli longe en la kastelo; plenuminte sian komision kaj ĉion vidinte, li adiaŭis lakone kaj forrajdis, la sola el ĉiuj gastigitoj, kiu ne ekpensis, ke li povus gajni ĉi tiun premion.

Krom tio li estis malvigla je faroj kaj vortoj. Kiam liaj spirito kaj koro okupis ian aferon, kio okazis ĉiam plene kaj fajre, Zendelwald ne sukcesis fari la unuan paŝon al la realigo; ĉar la afero ŝajnis al li finita, kiam li interne estis aranĝinta ĝin. Kvankam li volonte amuziĝis tie, kie ne temis havigi ion al si, li tamen neniam parolis ĝustatempe vorton kiu estus portinta por li prosperon. Sed ne nur lian buŝon, ankaŭ lian manon tiom antaŭkuris liaj pensoj, ke li ofte en la batalo preskaŭ estis venkata de siaj malamikoj, ĉar li hezitis fari la lastan baton, jam anticipe vidante la kontraŭulon ĉe siaj piedoj. Tial lia batalmaniero mirigis ĉe ĉiuj turniroj, ĉar li unue ĉiam apenaŭ sin movis kaj nur en la plej granda danĝero ekvenkis per brava ekstreĉo de forto.

En plena penslaboro, kies objekto estis la bela Bertrada, rajdis nun ĉi tiu Zendelwald al sia hejmkasteleto lokita en soleca montarbaro. Nur malmulte da karbistoj kaj arbhakistoj estis liaj subuloj kaj tial lia patrino atendis lian revenon ĉiufoje kun dolora malpacienco, ĉu li nun fine hejmenportos la feliĉon.

Kiel malvigla estis Zendelwald, tiel agema kaj decidema estis lia patrino, tamen ne multe profitante per tio, ĉar ŝi siaflanke same ĉiam troigis tiun econ kaj tiamaniere transformis ĝin je maloportunaĵo. En sia juneco ŝi klopodis kiel eble plej baldaŭ edziniĝi kaj avidis kelkajn okazojn tiel rapide kaj fervore, ke ŝi pro la rapideco trafis ĝuste la plej malbonan elekton en la persono de senpripensa kaj kuraĝega ulo, kiu malŝparis sian heredon, tro frue mortis kaj nenion al ŝi postlasis krom longe-daŭra vidvineco kaj filo, kiu ne volis sin movi por ekkapti la feliĉon.

La sola nutraĵo de la malgranda familio konsistis el la lakto de kelkaj kaprinoj, el arbaraj fruktoj kaj ĉasaĵo. La patrino de Zendelwald estis perfekta ĉasistino kaj pafadis per la arbalesto laŭplaĉe sovaĝajn kolombojn kaj perdrikojn; ŝi ankaŭ fiŝkaptis trutojn el la riveretoj kaj propramane riparis la kasteleton per kalko kaj ŝtonoj, kie ĝi estis difektita. Ĵus kun mortigita leporo ŝi revenis hejmen kaj, pendigante la beston antaŭ la fenestro de sia alte lokita kuirejo, ankoraŭfoje ŝi rigardis ekstere al la valo; jen, tie ŝi vidis sian filon suprenrajdanta la vojon kaj ĝoje ŝi malsuprenigis la tirponton, ĉar li forestis depost monatoj.

Tuj ŝi komencis esplori, ĉu li ne ekkaptis kaj alportis ian vosteton aŭ plumon de la feliĉo, al kiu saĝe li povus sin alkroĉi, kaj kiam li rakontis la travivaĵojn, kiel kutime ne gravajn, dum sia lasta aventurado, ŝi jam kolere skuis la kapon; sed kiam li fine raportis pri sia senditeco al la riĉa kaj ĉarma Bertrada kaj laŭdis ŝian afablecon kaj belecon, ŝi riproĉis lin nenifarulo kaj jar-dormulo pro lia hontinda foriro. Baldaŭ ŝi ankaŭ rimarkis, ke Zendelwald pensis pri nenio krom la malproksima nobelino, kaj eĉ nun ŝi fariĝis vere malpacienca pri li, ke li neniom sciis entrepreni kun tia bonega pasio en la koro, dum la grava enamiĝo estis al li plie baro, ol instigo al ago.

Tiel li ne ĝuis la plej bonajn tagojn; la patrino grumblis pri li kaj pro la ĉagreno, por distri sin, ŝi riparis la disfalintan tegmenton de la kastelturo, tiel ke la bona Zendelwald timis kaj angoris, vidante ŝin supre grimpadi. Krude ŝi deĵetis la tegolojn disrompitajn kaj preskaŭ mortbatis fremdan rajdanton, kiu ĝuste venis tra la pordego por peti noktan kuŝejon.

Sed tiu ĉi sukcesis afabligi la maldolĉan sinjorinon, rakontante ĉe la vespermanĝo multajn bonajn aferojn kaj precipe, ke ĝuste nun la imperiestro restadas en la granda kastelo de l'bela vidvino, kie seninterrompe sinsekvas festoj kaj senĉese la ĉarmega virino estas sieĝata de l'imperiestro kaj ties kavaliroj: elekti inter ĉi tiuj edzon. Sed ŝi trovis la elturniĝon: aranĝi grandan turniron kaj edziniĝi al la venkinto, forte fidante, ke ŝia protektantino, la dia Virgulino, sin intermetos kaj Ŝ helpos al venko la brakon de la ĝusta, kiu ŝin meritas.

„Jen estus ja entrepreno por vi," la homo finis sian rakonton, turnante sin al Zendelwald,

„tia bela juna kavaliro devus vigle klopodi por akiri la plejbonon, kiu laŭ teraj ideoj ekzistas en tiuj ĉi tempoj; laŭ ĝenerala diro ankaŭ la sinjorino esperas, ke per tia rimedo feliĉaĵo nekonata troviĝos por ŝi, iu malriĉa virta heroo, kiun ŝi poste povus dorlotadi, ĉar la konataj grafoj kaj vantaj svatantoj ĉiuj estas tedaj al ŝi."

Kiam la fremdulo estis forrajdinta, diris la patrino: „Nun mi vetas, ke neniu krom Bertrada mem venigis tiun senditon por logi vin al la ĝusta vojo, mia kara Zendelwald! Tio estas evidenta; kion alian do tiu stranga bubo, kiu engorĝigis nian lastan kruĉeton da vino, estus havinta por fari kaj vojaĝi en tiu ĉi arbaro?"

La filo komencis pro ŝiaj vortoj ege ridi kaj ridis ĉiam pli forte, parte pro la okulvidebla neebleco de la patrinaj imagaĵoj, parte ĉar tamen ja plaĉis al li ĉi tiuj imagaĵoj. La nura penso, ke Bertrada eble deziras lin ekhavi, ne lasis lin ĉesigi la ridadon. Sed la patrino, kredante, ke li ridas por ŝin primoki, ekkoleris kaj kriis: „Aŭskultu do! Mi vin malbenos, se vi ne obeos min kaj ne tuj ekmarŝos por akiri tiun feliĉon; sen ĝi ne revenu, aŭ neniam mi volos vin revidi! Aŭ, se vi tamen revenos, mi prenos mian pafilaron kaj mi mem foriros por serĉi tombon, kie mi ne estos ĝenata de via malsaĝeco!"

Tiel Zendelwald nun ne havis elekton; pro la bona paco li preparis ĝemante siajn armilojn kaj en la nomo de Dio forrajdis en la direkto al la loĝejo de Bertrada, tute ne konvinkiĝinte, ke li tien efektive alvenos. Tamen li sufiĉe bone tenis sin laŭ la vojo, kaj ju pli proksimen li venis al la celo, des pli klariĝis al li la penso, ke li ja povus entrepreni la aferon tiel same, kiel iu alia, kaj se li jam finis pri la rivaloj, eĉ tio ne kostos al li la kapon, se li riskos danceton kun la bela sinjorino. Paŝon post paŝo okazis nun en lia fantazio la aventuro kaj evoluis plej bone, eĉ, jam taglonge, rajdante tra la somerverdaj pejzaĝoj, li faradis dolĉajn dialogojn kun la amatino, dirante al ŝi la plej belajn elpensaĵojn, tiel ke ŝia vizaĝo ruĝiĝis pro ĉarma ĝojo, — ĉio ĉi en revoj.

Kiam li ĝuste refoje kolorigis gajan okazaĵon en sia spirito, efektive li vidis ekbrili en la matena suno sur blua altaĵo la turojn kaj dentojn de la kastelo kaj fajrerumi la orumitajn balustradojn el la malproksimo kaj li ektimis pro tio tiel, ke disiĝis lia tuta revkonstruaĵo kaj postlasis nur koron timeman kaj sendecidan.

Senvole li haltigis la ĉevalon, laŭ la maniero de hezitemuloj ronde serĉante rifuĝejon. Jen li rimarkis gracian preĝejeton, la saman, kiun iam Bertrada konstruigis al la Dipatrino. Tuj li decidis eniri ĝin kaj antaŭ la altaro iom refreŝigi sin, precipe ĉar estis tiu tago, je kiu oni faris la turniron.

La pastro kantis la meson kiun ĉeestis nur du aŭ tri malriĉuloj, tiel ke la kavaliro donis ne malgrandan ornamon al la eta piularo; sed kiam ĉio estis finita kaj la pastro kaj pedelo estis forlasintaj la preĝejeton, Zendelwald en tiu restadejo sin sentis tiel komforte, ke li trankvile ekdormis kaj forgesis pri turniro kaj amatino, se nur li ne sonĝis pri ili.

Tiam la Virgulino Maria venis malsupren de sia altaro, alprenis lian formon kaj armilaron, sursaltis lian ĉevalon kaj rajdis kun fermita viziero, kuraĝa Brunhilda, anstataŭ Zendelwald, al la kastelo.

Kiam ŝi rajdis kelktempe, sur la vojo kuŝis amaso da griza rubo kaj sekiĝinta branĉetaro. Tio ŝajnis suspektinda al la viglatenta Virgulino kaj ŝi rimarkis ankaŭ, ke io simila al serpenta vosto elstaras el la miksaĵo. Tiam ŝi ekkonis, ke tio estas la diablo, kiu ankaŭ flankumis en la proksimo de l'kastelo kaj nun rapide sin kaŝis de la Virgulino en la ŝtonaĵo. Ŝajne malatente ŝi preterrajdis, tamen lerte ŝi farigis etan flanksalton per la ĉevalo, tiel ke ĝi batis per malantaŭa hufo sur tiun suspektindan vosteton. Siblante saltis la diablo eksteren kaj for, kaj en tiu ĉi afero sin ne rimarkigis plu.

Gajigite de tiu ĉi aventureto, ŝi rajdis plena je bona humoro al la kastelo de Bertrada, kie ŝi alvenis, ĝuste kiam sur la loko restis nur la du plej fortaj batalantoj, por inter si decidigi la aferon.

Malrapide kaj kun malvigla sintenado, tute kiel Zendelwald, ŝi rajdis al la placo kaj ŝajnis sendecida, ĉu ŝi partoprenu aŭ ne.

„Jen venas ankoraŭ la malvigla Zendelwald," oni kriis kaj la du fortaj kavaliroj diris: „Kion volas tiu kun ni? Ni rapide finu pri li, antaŭ ol fini la aferon inter ni!"

Unu sin nomis „Guhl la Rapida". Li kutimis kun sia ĉevalo sin turnadi kiel ciklono kaj klopodis konfuzi kaj venki siajn kontraŭulojn per multego da artifikoj kaj ruzaĵoj. Kun li unue la supozata Zendelwald devis batali. Li havis peĉonigrajn lipharojn, kies pintoj horizontale staris en la aero tiel rigide torditaj, ke du arĝentaj sonoriletoj sur ili pendantaj ne fleksis ilin kaj tintadis senĉese, kiam li movis la kapon. Tion li nomis la sonorado de l'teruro por siaj malamikoj, tiu de l'plezuro por sia sinjorino! Lia ŝildo laŭ la turnoj brilis jen per tiu, jen per alia koloro kaj li sciis tiel rapide manipuli per tiuj ŝanĝiĝoj, ke la okulo blindiĝis pro tio. Lia kaskornamaĵo konsistis el grandega kokvosto.

La alia forta kavaliro nomis sin „Muso la Sennombra", per kio li esprimis, ke oni lin rigardu egalvalora kun sennombra armeo. Por signo de sia forteco la harojn elstarantajn el siaj naztruoj li estis kreskiginta en longo de ĉirkaŭe ses coloj kaj plektinta en du ligetojn, kiuj malsuprenpendis al li super la buŝo kaj ĉe la finoj estis ornamitaj per graciaj ruĝaj bantoj. Li portis sur sia kiraso grandan, vastan mantelon preskaŭ kovrantan lin kune kun lia ĉevalo kaj arte kudritan el mil mus-feloj. Kiel kaskornamaĵo lin ombrumis la large etenditaj flugiloj de vesperto,

de sub kiuj li sendis minacajn rigardojn el la oblikvaj okuloj.

Kiam nun oni donis la signalon por la batalo kun Guhl la Rapida, tiu rajdis kontraŭ la Virgulino kaj ĉirkaŭkuris ŝin kun ĉiam pli granda rapideco, volante blindigi ŝin per la ŝildo kaj farante centojn da pikoj kontraŭ ŝi per la lanco. Dume la Virgulino restis ĉiam sur la sama loko meze de la turnirejo kaj ŝajnis nur defendi sin kontraŭ la atakoj per la ŝildo kaj lanco, lertege turnante la ĉevalon sur la malantaŭaj piedoj, tiel ke ŝi ĉiam al la malamiko alturnis la vizaĝon. Kiam Guhl tion rimarkis, li subite forrajdis malproksimen, poste sin returnis kaj kuregis kontraŭ ŝi kun etendita lanco por ŝin pik-sterni. Senmove atendis lin la Virgulino; sed homo kaj ĉevalo staris tiel firme, kvazaŭ faritaj el bronzo, kaj la kompatinda bubo, kiu ne sciis ke li batalas kontraŭ potenco pli alta, kontraŭkurinte al ŝia ponardego, dum la lia kiel pajlero disrompiĝis sur ŝia ŝildo, falegis surprize el la selo kaj kuŝiĝis sur la tero. Senhezite ŝi desaltis de la ĉevalo, ekgenuis sur lia brusto, tiel ke li sub la potenca forto ne povis sin movi, detranĉis al li per sia ponardo ambaŭ lipharplektojn kun la arĝentaj sonoriletoj kaj fiksis ilin sur sia glavrimeno, dum la fanfaroj ŝin, aŭ pli vere Zendelwald-on, salutis kiel venkinton.

Nun estis la vico de l'kavaliro Muso la Sennombra. Potence li algalopis, tiel ke lia mantelo flugis en la aero kiel pereominaca griza nubo. Sed la Virgulino-Zendelwald, kies batalhumoro ŝajnis nur ekflagri, galopis same brave renkonte al li, elseligis lin facile per la unua puŝo kaj, kiam Muso rapide sin levis kaj ekprenis la glavon, ŝi ankaŭ desaltis de la ĉevalo por batali kontraŭ li piede. Kaj baldaŭ li estis surdigita de la batoj, per kiuj ŝia glavo faladis al li sur la kapon kaj ŝultrojn, kaj li per la maldekstra mano antaŭtenis sian mantelon por tiel sin kaŝi kaj por bonokaze ĵeti ĝin al la kontraŭulo super la kapon. Tiam la Virgulino per la pinto de sia glavo ekkaptis anguleton de la mantelo kaj envolvis Muson la Sennombran mem de kapo ĝis piedoj en la mantelon kun tia gracia rapideco, ke li post mallonga tempo aspektis kiel monstra vespo ĉirkaŭŝpinita de araneo kaj kuŝis baraktante sur la tero.

Nun la Virgulino lin draŝis per la plato de l'klingo kaj kun tia lerteco, ke la mantelo solviĝis je siaj elementoj kaj la ĉirkaŭflugantaj musfeletoj mallumigis la aeron dum la ĝenerala ridado de la rigardantoj; ĝis fine la kavaliro iom post iom reaperis kaj kiel venkita homo lamiris for, post kiam lia venkinto detranĉis al li la harligetojn bantumitajn.

Tiel do fariĝis la Virgulino kiel Zendelwald la lasta venkinto sur la turnirloko.

Ŝi malfermis la vizieron, iris supren al la reĝino de la festo, genufleksis kaj demetis la trofeojn ĉe ŝiaj piedoj. Poste ŝi sin levis kaj prezentis tian Zendelwald-on, kia esti tiu kutime



Manet: Olympia

tro malbravis. Sen tio tamen, ke ŝi estus multe cedinte el la modesteco de Zendelwald, ŝi salutis Bertradan per rigardo, kies efikon je virina koro ŝi bone konis; entute, ŝi sciis kiel amanto kaj kiel kavaliro konduti tiamaniere, ke Bertrada ne reprenis sian promeson, sed volonte priaŭskultis lin laŭ la instigoj de l'imperiestro, kiu fine ĝojis, ke viro tiom brava kaj nobla estiĝos potenca sinjoro.

Nun oni aranĝis grandan festiradon al la alte situanta tilioparko, kie la festeno estis preparita. Bertrada sidis tie inter la imperiestro kaj sia Zendelwald; sed estis bone, ke oni zorgis pri alia gaja najbarino por la imperiestro; ĉar Zendelwald al sia fianĉino lasis ne multe da tempo por babili kun aliaj, tiel lerte kaj karese li amuzis ŝin. Li diris al ŝi videble la plej delikatajn aĵetojn, ĉar ĉiam denove ŝi ruĝiĝis feliĉege. Gaja plezuro ekregis ĉe ĉiuj; en la verdaj arkaĵoj de l'foliaroj supre la birdoj kantadis konkure kun la muzikinstrumentoj, papilio sidiĝis sur la ora krono de l'imperiestro kaj la vinpokaloj bonodoris, kvazaŭ per ia speciala beno, kiel violoj kaj rezedoj.

Sed pli ol ĉiuj, Bertrada sentis sin tiel feliĉa, ke ŝi, dum Zendelwald ŝin tenis ĉe mano, en sia koro pensis pri sia dia protektantino kaj dankis al ŝi per varmega silenta preĝo.

La Virgulino, kiu ja sidis kiel Zendelwald apud ŝi, legis tiun preĝon en ŝia koro kaj estis tiel ĝojigita pro la pia dankemo de sia protektatino, ke ŝi Bertradan karese ĉirkaŭprenis kaj metis kison sur ŝiajn lipojn, kiu kompreneble plenigis la ĉarman virinon per ĉiela plezuro; ĉar se foje la ĉieluloj bakas frandaĵon, do ĝi fariĝas vere dolĉa.

La imperiestro kaj la cetera societo kriis aklamojn al la supozata Zendelwald, levis la pokalojn kaj trinkis je la sano de l'bela paro.

Dume la efektiva Zendelwald vekiĝis el sia malĝustatempa dormo kaj vidis la sunon tiel multe progresinta, ke la turniro kredeble jam pasis. Kvankam li do estis feliĉe liberigita pri la afero, li tamen sin sentis tre malfeliĉa kaj malĝoja, ĉar li ja ege volonte estus edziĝinta al sinjorino Bertrada. Krome li ne povis plu reiri al sia patrino kaj tial li decidis komenci vagadon porĉiaman, senĝojan, ĝis kiam la morto lin liberigos de lia ekzisto senutila. Nur unu fojon ankoraŭ li volis antaŭe vidi la amatinon kaj enpremi en sian memoron ŝian bildon por la ceteraj tagoj, por ke li ĉiam sciu, kion li malgajnis.

Li do trapasis ĝisfine la vojon al la kastelo. Atinginte la interpremon de homoj, li aŭdis ke ĉie estas laŭdegataj la braveco kaj feliĉo de iu malriĉa kavaliro Zendelwald, kiu gajnis la premion, kaj malgaje scivolante, kiu do estas ĉi tiu feliĉa samnomulo, li elseligis sin kaj sin premis tra l' amaso, ĝis kiam ĉe la rando de l'ĝardeno li atingis lokon sur altaĵeto, kie li povis ĉirkaŭrigardi la tutan feston.

Tiam li ekvidis en lukso kaj brilo kaj en, proksimo al la brilanta krono de l'imperiestro la vizaĝon de l'amatino, radiantan pro feliĉo, kaj kapo ĉe kapo apud ŝi, je sia pala mirego, sian personon propran laŭ korpo kaj esto. Kvazaŭ senviva li fikse rigardis tion, ĝuste nun li vidis sian duulon ĉirkaŭprenanta kaj kisanta la pian fianĉinon; tiam nerimarkite en la ĝenerala ĝojo, li paŝis senmalhelpe tra la vicoj, ĝis kiam li staris tute proksime malantaŭ la paro, turmentate de stranga ĵaluzo. En tiu sama momento lia similulo malaperis de la flanko de Bertrada kaj ŝi, ektimante, serĉis lin rigarde. Sed kiam ŝi ekvidis Zendelwaldon malantaŭ si, goje ŝi ridis kaj diris: „Kien vi foriĝis? Venu, restu do bele apud mi!" Kaj ekprenante lian manon, ŝi tiris lin al sia flanko.

Jen li do sidis, kaj por plene elprovi la supozatan sonĝon, li ekkaptis la starantan antaŭ li pokalon kaj malplenigis ĝin per unu ektrinko. La vino eltenis la provon kaj fluigis fideman vivecon en liajn vejnojn; gaje li turnis sin al la ridetanta virino kaj rigardis al ŝi en la okulojn, poste ŝi kontentigite daŭrigis la konfidencan interparoladon, en kiu ŝi antaŭe estis interrompita. Kaj Zendelwald ne sciis: kiel povas okazi ke Bertrada aŭdigis dirojn bone konatajn al li kiujn kelkfoje, kvazaŭ senkonscie li respondis per diroj, kiujn li ankaŭ jam ie parolis; post kelke da tempo li rimarkis, ke lia antaŭulo estis farinta kun ŝi precize la saman interparolon, kiun li, fantaziante dum la tagoj de la vojaĝado, elpensis kaj kiun li nun atenteme daŭrigis, por vidi, kiamaniere do finiĝos la afero.

Sed ĝi ne finiĝis, eĉ fariĝis ĉiam pli edifa; ĉar kiam subiris la suno, oni ekbruligis torĉojn kaj la tuta ĉeestantaro iris en la plej grandan ĉambregon de la kastelo por tie ĝui la dancadon. Post kiam la imperiestro faris la unuan dancon kun la fianĉino, ŝin ĉirkaŭprenis Zendelwald kaj dancis kun ŝi tri aŭ kvar fojojn ronde la ĉambregon, ĝis kiam la varmegiĝinta virino subite prenis lian manon kaj lin kondukis flanken en balkonan ĉambron silentan, plenigitan de lunlumo. Tie ŝi ĵetis sin al lia brusto, karesis al li la blondan barbon kaj dankis lin pro lia veno kaj pro lia amo. Sed la honesta Zendelwald nun deziris scii, ĉu li sonĝas aŭ maldormas, kaj demandis ŝin pri la reala stato de l'aferoj, precipe rilate sian duulon. Longan tempon ŝi ne komprenis lin; sed vorto sekvigis vorton; Zendelwald diris: tio kaj tio okazis al mi, kaj li rakontis pri sia tuta vojaĝo, pri la eniro en la preĝejeton, kaj ke kiel li ekdormis kaj malfruis la turniron.

Nun klariĝis la afero al Bertrada tiom, ke ŝi refoje ekkonis la intervenon de sia favora patronino. De tiu momento ŝi nepre povis rigardi la bravan kavaliron kiel donaĵon de la ĉielo kaj estis sufiĉe danka por kore premi al la brusto la solidan donacon kaj redoni al ĝi plenvalore la dolĉan kison, kiun ŝi ricevis de la ĉielo mem.

Sed de nun kavaliro Zendelwald formetis ĉiun

ŝian malviglecon kaj reveman sendecidecon; li faris kaj diris ĉion ĝustatempe, tiel al la milda Bertrado kiel ankaŭ al la cetera mondo, kaj li estiĝis plentaŭgulo por la tuta regno, tiel ke la imperiestro estis ne malpli kontenta pri li, ol lia edzino.

La patrino de Zendelwald aperis ĉe l'edziĝa festo sur ĉevalo kaj tiel fiere, kvazaŭ ŝi dumvive estus sidinta en la sino de l'feliĉo. Ŝi administris la havaĵon kaj ĉasadis en la vastaj arbaroj ĝis sia maljuneco, dum Bertrada persistis pri tio, ke ĉiujare unu fojon Zendelwald ŝin konduku en ŝian hejmkasteleton, kie ŝi kun sia koramato nestadis tiel kareseme kiel la sovaĝaj kolomboj ĉirkaŭe sur la arboj. Sed neniam ili preterlasis survoje eniri tiun preĝejeton kaj preĝi al la Virgulino, kiu staris sur sia altaro tiel kviete kaj sankte, kvazaŭ neniam ŝi estus malsuprenirinta de tie.

El la germana: *Adolf Hainschegg*

*Premiita en la Int. Floraj Ludoj en Vich.*

# LA KVARKOLORA LANTERNO KAJ LA KVAR HUNDETOJ

J. L. PEREC.

Rabi Ŝlojme rakontis:

Iam vivis tre riĉa bienulo. Li estis pasia ĉasisto. La grenon li forvendis, kiam ĝi estis ankoraŭ kreskanta sur la kamparo, sed la arbaron li eĉ ne tuŝis. En ĝi vivis lupoj, ursoj, vulpoj kaj leporoj, kiuj frotis siajn plenharajn felojn al centjaraj arboj...

Foje la bienulo, kiel kutime, iris arbaron, ĉasi. Li kunprenis ĉiujn siajn hundojn. Sole Zereŝ, unu el la plej bonaj hundinoj, restis hejme. Ŝi estis tiam ĵus naskinta kaj sidis sur siaj blindaj hundetoj kiel „akuŝintino".

Silenta trankvilo regis en la palaco. Kiam la bienulo ĉasadas, la servistaro dancas kaj drinkas en la gastejo. Sur la vizaĝo de Zereŝ disverŝiĝis helruĝa koloro pro ameco al la estontaj hundherooj, kaj en ŝiaj okuloj jam brilis la radioj de illia estonta meritlaŭdo... La unuaj „kaptistoj" ili estos kaj „alportos" ĉiam honeste kaj rapide... Sen difekto ili alportos, inter la akraj dentoj, vulpojn kaj leporetojn... Ilia bojado timigos leonojn; elefantoj forkuros de ili... El unu telero kun la bienulo ili manĝos...

Ŝiaj okuloj, pro dolĉa plezuro, fariĝas ĉiam pli mallarĝaj, ĝis la silkaj brovoj kunfalas kaj Zereŝ — ŝi indas tion, la naskintino! — endormiĝas.

Subite ŝanĝiĝas la bildo:

Pro kulpo, kiun ŝi certe neniam faris, pro intrigo de ŝia eterna malamiko, la bienulo ne kunprenis ŝin en la arbaron, alligis ŝin per ŝnuro antaŭ la pordo, kiel simplan ŝafar-hundon... Trumpetsonoj aŭdiĝas, el la arbaro elkuras leporo... Kun la antaŭaj piedoj sur la kampo, staras la leporo ĉe l'arbarrando, rigardante al Zereŝ kaj ne forkuras ... La leporo rigardas ŝin kun malestimo, ridetas, ridas, la lipharoj eĉ skuiĝas pro ridado!...

Tion jam Zereŝ ne povas toleri! Disŝiri ŝnuron estas por ŝi malgravaĵo; ŝi elstreĉiĝas, plenbloviĝas kaj eksaltas.

Krevis la ŝnuro kaj ŝi kuras...

La ŝnuro disŝiriĝis nur en sonĝo; sed Zereŝ efektive vekiĝis, rompis vitran fenestron kaj elsaltis rekte en arbaron!...

La malgrandaj, blindaj hundetoj eksentis: unue malvarmon, due — malsaton.

La manko de ambaŭ vivofontoj pligrandiĝis post la sunsubiro, kiam la majolika kuirejplanko forte malvarmiĝis...

El la arbaro aŭdiĝas ĉaskorno...

Pro timo, malsato kaj malvarmo ĉiuj kvar hundetoj elsaltis el la kuŝejo, diskuris ĉiuflanken per la kurbiĝintaj malfortaj piedetoj, kaj kuntiriĝinte kaŝis sin, ĉiu en aparta angulo...

El ĉiuj kvar anguloj bojetis la hundetoj pro timo, malvarmo, malsato.

Kiu ilin kompatos en la silenta senhoma domo?

La bienulo ĉasas en arbaro, la servistaro dancas en drinkejo, la propra patrino forlasis ilin kaj forgesis...

*

Tamen estas la mondo tiel aranĝita, ke eĉ kiam malgrandaj, blindaj hundetoj bojetas, ili ne bojetas vane...

Malproksime, tre malproksime, en la verdkolorigita manĝoĉambro de l'palaco, sur tablo, sur neĝblanka tablotuko, inter kristalaj manĝ- kaj trinkiloj, en ora kandelujo, staras kandeloj, grandaj stearinkandeloj.

Ili aŭdas kaj kompatas...

Pro la grandega kompato, unu tiel varmiĝis, ke ĝi per si mem, sen ero da fremda fajro, ekbrulis kaj disflamis!...

La disflaminta kandelo diras:

— Fratoj, vi atendu la bienulon!... lumu al li dum la festeno, ĝojigu lian koron.... Mi iras al la malfeliĉaj hundetoj.

— Kion vi diras, tiel humiliĝi vi volas?...

— Tia jam estas, evidente, mia sorto. Ili ja estas tiel malfeliĉaj; forlasitaj de l'propra patrino...

— Per kio vi servos al ili? Ĉu vi ilin suĉigos?

— Mi ne havas patrinajn brustojn — respondas la kandelo malĝoje.

— Ĉu vi ilin varmigos?

— Mi ne havas hararan felon.

— Do kion?

— Mi lumos por ili!...

— Ili estas blindaj!

— Ĉe mi ili pli rapide malfermos la okulojn!...

— Por kio al ili taŭgas lumo? Varmon ili bezonas, lakton...

— Faru ĉiu, kio estas farebla.... Mi havas lumon, do mi donos... Ili malfermos la okulojn kaj la ceteron mem serĉos kaj trovos...

— Iru! — ridas la aliaj, ne brulantaj, remalvarmiĝintaj kandeloj... vi nenion efikos, ne!

— Kial?

— Tial... Ne vian lumon per la blindaj okuloj, sed vian sebon per la nazoj ili elflaros kaj formanĝos vin!

La pro kompato ekflaminta kandelo timiĝas. Sed dirite! la sorto decidita!

La kandelo kuntiriĝas, ŝiriĝas el la mallarĝa kandelingo, ekspiras pli libere, ŝoviĝas de la tablo sur la tapiŝon, tra la plankoj, kaj ju pli ĝi proksimiĝas, despli forte sonas la kompatpeta ĝemo de l'hundetoj. Ŝovas sin la kandelo ĉiam pli kaj pli rapide...

Survoje ekvidis la kandelo malgrandan vitran dometon... ĝi estis lanterno kun kvar diverskoloraj vitraj fenestretoj. Tre ekĝojis la kandelo. Jen ĝi havos ŝirmilon, defendilon kontraŭ malsatantaj buŝoj! Kaj ankaŭ por la malfortaj hundetokuloj estas ja pli bona la kolora, subtila lumo... Nuda, blanka lumo, per unu fojo, povas malutili..

La kandelo enlanterniĝas kaj iras plue en sia misio, sed jam pli malrapide...

*

Nenio en la mondo povas kontraŭstari la fortan volon. Volu, kaj la tuta mondo estos ĉe viaj piedoj! La hundetoj malfermis la okulojn, ili ekvidis la lumon, sed ĉiu en sia angulo kaj tra alia vitraĵo...

**RUSTAJ KORDOJ**

Sur rustaj kordoj de rompita liro
serĉante sonojn — novaj kantoj vibris,
sed al celhavaj revoj de l'sopiro
la prujnospira vivo morton kribris...
Nun ĉio sonperdinte ŝajnas morti:
post altenflug' la kantoj teren falas,
la sentoj nepovante vivon porti,
jen, en poeta brust', sensange palas.

Falintaj kantoj, sentkadavroj baras
la revteksitan vojon de l'poeto.
Kun ridrikano li larmante staras
ĉe l'propra tomb': ĉe prujnkovrita bedo...
Bukedon senkoloran plektas... plektas,
simile al la laca ĝardenisto,
la florojn — palajn kantojn — li kolektas
nur pro kutimo — ne pro celpersisto.

Dum li vojperdas sur la sonĝokampo,
jam senigita de l'fekunda humo,
la nokto venas kun ŝtelira rampo
kaj li murmuras en la kormallumo:
Ho rustaj kordoj, min vi enterigas!
La kanto estas nur tombŝtona moto.
La tempo eĉ vin kiel min polvigas
kaj larmo surfalinta iĝos — koto.

*Julio Baghy*

— Estu benata, kiu kreis la lumon! — benis ĉiuj kune, sed baldaŭ ekmontriĝis la diferenco:

— La lumo estas flava! — vokas ĝoje hundeto el sia angulo.

— Malsaĝulo! — vokas la dua el alia angulo — la lumo estas verda!

Kaj la tria: — Vi ambaŭ ankoraŭ ne malfermis ĝuste la okulojn! Mi vidas! La lumo, diras mi al vi, estas blua! plej evidente blua!

Kaj la kvara krias: — Se ci havas malfermitajn okulojn kaj diras, ke la lumo estas blua, ci estas grandega mensoganto, la lumo estas — ruĝa!

Fariĝas malkonsento. Oni disputas hunde-pasie:

— Mi ĵuras, ke la lumo estas flava!

— Je mia vivo — la lumo estas blua!

— Je la patrino — la lumo estas ruĝa!

— Je Dio en la ĉielo — la lumo estas verda!

Krias unu: Mensogantoj aŭ blinduloj! Alproksimiĝu!

Oni brukriadas: Pliproksimen, pliproksimen!

Kaj la kvaro saltas en la mezon... Sed jam ne al la lanterno, ne al la lumo...

La okuloj jam estas plenaj de malamo, la hundaj koretoj bolas pro kolerego...

Unu alsaltas al alia; ĉiuj estas pretaj sin pravigi, per la buŝaĉoj intermordi, la veron certigi kaj konfirmi per la dentoj en la karno de l'alia...

Mensogantoj devas perei, mensoguloj ne havas vivrajton; trompulo, eĉ se li estas mia propra frato, devas morti...

Kaj ekflamas la rajtigita kolerego... El la kunsaltintaj, ĵus ekvidintaj hundetoj fariĝas bulaĵo, kiu ĵetas sin kaj interluktas en batalo por la vero... Ĉiu estas preta, por la vero, morti kaj mortigi...

La baraktanta bulaĵo renversas la lanternon; estingiĝas la lumo, kaj ankoraŭ pli akre ekflamas la batalo pri la lumo en la mallumeco...

Kaj kiam Zereŝ, penege spiranta kaj ŝvitanta, revenis el la arbaro, ŝi vidis, ke sur la sojlo de la palaco kuŝas unu el siaj estontaj herooj dismordite kaj sangante...

Ŝi alkuras.

— Kio estas al vi? Dio! Kio okazis, kie estas viaj fratoj?

— Mi plu ne havas fratojn — respondas la duonviva hundeto — ili estas mensogantoj, ili malvere ĵuris! Unu diras, ke la lumo estas flava, dua, ke la lumo estas verda, tria — ke ruĝa, kaj mi mem vidis, ke la lumo estas blua, simple blua! Ili kuŝas tie, la mensogantoj, la lumfalsistoj! Ankaŭ min oni dismordis...

*

Rabi Ŝlojme finis:

— „Estu lumo!" diris Dio. Malsaĝaj homoj faris kolorajn lanternojn...

El la juda: *J. Jurysta.*

# LA MASKITA PROFETO

IMPERIESTRO NAPOLEONO I. BONAPARTE



En la jaro 160-a, de la Heĝiro, regis Mahadi en Bagdad. Tiu ĉi princo — granda, malavara kaj grandanima, vidis la prosperadon de sia Araba imperio sur la sino de la paco. Timiga kaj respektata por siaj najbaroj, li sin okupis pri la disvastigo de la sciencoj kaj akcelado de ilia progreso, kiam subite la paco estis rompita de Hakem, kiu el la malproksimaj regionoj de Ĥorassan komencis kolekti por si adeptojn tra ĉiuj partoj de la imperio.

Hakem, altreska, havanta virecan kaj temperamentan elokventon, sin nomis sendito de Dio. Li predikis puran moralon, kiu plaĉis al multaj. Egaleco de rango kaj havaĵo estis la ĉefa tezo de lia instruo. La popolo kolektiĝis sub lia standardo. Hakem havis jam armeon. La kalifo kaj la nobeloj sentis necesa sufoki en embrio tiun danĝeran ribelon, sed ilia militistaro estis kelkafoje venkita kaj la aŭtoritato de Hakem kreskis ĉiutage. Tamen venis kruela malsano, kiel sekvo de la granda laciĝo pro la militoj kaj malbeligis la vizaĝon de la profeto. Li ne estis plu la plej bela el la araboj. Malaperis liaj fieraj kaj noblaj trajtoj, liaj okuloj grandaj kaj fajroplenaj. Hakem fariĝis blinda. Tiu ĉi ŝanĝo povis malgrandigi la entuziasmon de liaj sekvantoj kaj li elpensis porti arĝentan maskon kaj ree aperis meze de siaj disĉiploj.

Hakem estis nenion perdinta el sia elokventeco. Liaj vortoj havis la saman forton. Li parolis al la disĉiploj. Li konvinkis ilin ke li portas la maskon por defendi la homojn kontraŭ la blindiga lumo, kiu brilas de lia vizaĝo. Li esperis, kiel ĉiam, je la furiozeco de siaj homoj, kiujn li ekzaltigis, kiam subite malsukceso en batalo ruinigis liajn planojn, malpliigis la nombron de liaj sekvantoj kaj malfortigis ilian kredon.

Li estis sieĝata! La garnizono estis malmultenombra! Hakem, vi devos perei, alie vin kaptos la malamikoj... Li kolektis la disĉiplojn kaj diris al ili:

— Fideluloj, vi, kiujn Dio kaj Mahometo elektis por restarigi la imperion kaj renaskigi nian nacion, kial la nombro de niaj malamikoj malkuraĝigas vin? Aŭskultu! Pasintan nokton, kiam vi ĉiuj kuŝis en profunda dormo, mi sternis min kaj diris al Dio: „Mia patro, vi protektis min dum multaj jaroj. Per kio mi aŭ la miaj ofendis vin tiel, ke vi nin forlasis?“

— Momenton poste mi aŭdis voĉon kiu diris al mi: „Hakem, nur tiuj, kiuj ne forlasis vin, estas viaj veraj amikoj kaj sole ili estos miaj elektitoj. Ili partoprenos kun vi en la posedo de la riĉaĵoj, kiujn vi akiros de viaj arogaj malamikoj. Atendu la novan lunon. Elfosu larĝajn fosaĵojn kaj viaj malamikoj enfalos en ilin, kvazaŭ muŝoj sufokitaj per fumo.“

La fosaĵoj baldaŭ estis elfositaj. Oni plenigis ilin per kalko kaj metis kuvojn plenajn de brando sur iliaj bordoj. Post tio oni preparis komunan manĝofeston, ĉiuj drinkis brandon kaj ĉiuj mortis kun la samaj simptomoj. Hakem altrenis iliajn kadavrojn kaj metis en la kalkon, kiu ilin konsumis; li mem ekbruligis la alkoholan brandon kaj sin ĵetis en la fajron.

La sekvintan tagon la militistoj de la kalifo prepariĝis al atako, sed ili retenis sin, vidante la pordegojn malfermitaj. Ili venis singarde internen kaj trovis tie nur unu virinon, la mastrinon de Hakem, kiu restis sole vivanta.

Tia estis la fino de Hakem, surnomita Burkai, pri kiu liaj sekvantoj diris ke li kune kun siaj disĉiploj estis transportita al la ĉielo. Tiu ĉi ekzemplo estas preskaŭ nekredebla. Kion ne entreprenus la homoj pro la gloramo! El la franca: *N. Hohlov.*

*

Noto de la tradukinto. — Oni diras ke Napoleono Bonaparte de la juneco havis grandan emon por verkado. Estas konataj kelkaj liaj verkoj, skribitaj tamen per ordinara, ne ĉiam glata franca lingvo kaj enhavantaj la ideojn, kiuj estis laŭmodaj en lia tempo. La suprepresita noveleto estis tute okaze malkovrita nur antaŭ tre mallonga tempo kune kun alia, pli granda: „La Gorgona.“ La aŭtentikeco de ambaŭ nove trovitaj manuskriptoj estis atestita de S-ro M. H. Omont, estro de la manuskripta fako en la Biblioteque Nationale de Paris kaj ankaŭ de princo Victor Napoleon, unu el la nun vivantaj napoleonidoj. Kvankam en traduko, la rakonto bone montras la pensinklinojn kaj la stilon de la granda konkeristo. *N. H.*

## INFANOJ ĈE MONTROFENESTRO.

Montrofenestron miras du infanoj.
Malriĉaj. Knab', knabino. Ĉe ŝi: pupo.
Mizera pup'. El ĉifonaj' kaj stupo
Farita, fuŝe, per mallertaj manoj.

Al vitro gape ili premapogas
La nazojn. Aŭto, urso, lulĉevalo,
Armeo plumba, pup' kun silkvualo:
Ludilmirakloj tie ilin logas.

Kaj plezurante pri l'senpaga festo,
Faligas ŝi la pupon dum ŝi revas,
Kaj ŝi surpaŝas. Pupa haŭto krevas,
Premiĝas tra la vund' la stupintesto.

Nun ŝi rimarkas. Staras en konfuzo.
Ekploras. Levas ĝin de l'tero mole.
Al brusto premas, lulas ĝin konsole,
Viŝante siajn larmojn per la bluzo.

Kaj li — post falo kvazaŭ el ĉielo —
Rigardas ŝin kun brakoj krucmetitaj,
Senpove, mute, kun okuloj spitaj,
Kiel simbolo eta de l'*Ribelo.*

*K. de Kalocsay*

# A R T O   K A J   A R T I S T O J

**PAULO VARSÁNYI: EDOUARD MANET**



La *impresionismo* estas la plej interesa kaj laŭ efiko ankaŭ plej revolucia aperaĵo en la arto de l'XIX-a centjaro. Ĝi metis fundamentojn de novaj artaj klopodoj, kiuj la pentrarton subite transformis.

Sekvante la historian evoluon de l'nova direkto malantaŭen, *Velasquez* (1599—1660) estas la unua, kies bildoj jam montras ion el la nova vido: la malatenton pri la nure desegnaj elementoj kaj la akcentadon de la pitoreskaj trajtoj en konciza, resuma, freŝa maniero. Tamen, li vidigas nur la eksterajn, prezentmanierajn signojn de l'impresionismo. Ĉiaj mov-kaj kolorproblemoj jam estas ekster liaj rezultoj. *Goya* (1746—1828) estis, kiu iris plue sur la komencita vojo. Liaj maljunaĝaj bildoj naskiĝintaj en febre rapida, skiza kaj drame viva prezentmaniero, kun la esprimo de l'momentaj movpozicioj donis grandan impulson al la plua evoluado. Nun ankoraŭ estis postrestintaj la kolorproblemoj. *Manet* (1832-1883) estis, kiu transprenis ĉiujn tiujn problemojn kaj redonis ilin solvitaj al sia epoko.

*

Li surprenis tre malfacilan taskon: li devis pruvi verojn tute kontraŭajn al la ĝistiamaj artaj principoj. Li sentis sin prava, kaj tio donis al li forton por la batalo. La moka malŝato kaj grandegaj indigniĝoj ne povis lin devojigi, li iris antaŭen kun fanatika kredo, kiun eĉ pliigis la helpo de la ardanima soldato de l'vero: *Emile Zola.*

Li profundiĝis ĝis la fundo de l'fenomenoj kaj pruvis klarajn, kompreneblajn, grandajn verojn, kiujn percepti la akademiisma miopo ne povis. Li pruvis la efikon de l'lumo kaj aero je la formoj kaj koloroj, tion, ke la formoj kaj koloroj ne havas konstantajn, neniam ŝanĝiĝantajn apersignojn, sed ili ĉiam ŝanĝiĝas laŭ la transformiĝo de l'atmosfero.

Ni povas imagi la efikon de l'novaj principoj je la akademiismaj pentristoj, kiuj la atelierajn kondiĉojn priuzis eĉ en libernaturaj bildoj, ne rimarkante la diversecojn de la atmosferaj cirkonstancoj. Kvazaŭ fulmbato trafis ilin. Sed tamen ili provis ĉion por sufoki la veron. Hodiaŭ, posedante la rezultojn de l'nova vido jam delonge, ni ne povas kompreni la grandegajn indigniĝojn, akompanantajn ĝin, ĉar la aferon ni jam vidas tre simpla. Ni ne devas do longe pripensi ĝin kaj sufiĉas, se iu komparas akademiisman kaj impresionisman bildojn. Je la unua rigardo ni jam vidas diferencojn inter ili, el kiuj la plej grava estas ke la akademiisma bildo estas bruntona, senaera kaj la impresionisma estas griztona, aera. El la unua bildo do mankas la plej grava atmosfera elemento, kies ĉeesto ĉiam efike estas sentebla en la libera naturo. Ĝi estas la plej grava en la impresionisma vido. Ĝi ĉirkaŭteksas la objektojn kiel delikata, blue-griza vualo, kiel filtrilo, tra kiu devas penetri la bildoj de l' objektoj, antaŭ ol ili atingas la okulojn. Sed dumvoje ĝi retenas ion: laŭ la proporcio de l' distanco ĝi forprenas iom el la plastikeco de l'formoj kaj el la intensa efiko de l' koloroj. Sekve de tio la objektoj jam ne vidiĝas laŭ la signoj de l'materioj: nur ilia kolora apero estas videbla, tiu kolorimpreso, kiu momente ekkaptas la okulojn. La bildo de l'granda Naturo estas do komplekso de kolormakuloj, vibrantaj sub la efiko de l' atmosfero. Ankaŭ la efiko de l' lumo estas okulvidebla: ĝi ĉirkaŭas la formojn, surĵetante milojn da refleksoj, kiuj moligas kaj heligas la ombrojn; ĝi disigas la lokajn kolorojn je miloj da refleksoj, kiuj ombroflanke estas ĉiam bluefikaj. La akademiisma bildo montras la malsamon de ĉio ĉi kaj montras la efektojn de atelieraj kondiĉoj.

Manet forĵetis ĉion, kion li lernis en la skolo de *Couture* kaj per freŝaj okuloj rigardadis la Naturon. Se ĝi eĉ ne estis tiel distilita, kiel regulis tion la akademiaj receptoj, tamen ĝi estis mem la Vero — kaj tio estis pli grava ol ĉiuj normoj de l'estetiko. La naturvido de l'antaŭuloj do montriĝis falsa, ĉar li neniam vidis en la naturo konstantajn apersignojn de l'formoj kaj koloroj, sed tiujn, kiujn estigas la suno kaj atmosfero. Li forĵetis la pezajn brunajn, bitumajn kolorojn, ĉar li en la naturo ne vidis ilin. Li vidis ĉion en griza, aera harmonio. Liaj bildoj ĉiam pli kaj pli heliĝis kaj iĝis veraj pecoj de l't. n. „*hela pentro.*“ Kiel li sukcesis evolui ĝis la vera impresionista metodo, ĝis la koloranalizo, tio ne estas certa. Laŭdire antaŭ 1870 naskiĝis la nova vido. Manet tiam estis gasto de l'artisto *Nittis* kaj foje vidis lian edzinon kaj liajn infanojn en la sunbrila ĝardeno, sub la arboj, en tiel katenantaj *lum-, aer-* kaj *kolorefektoj,* ke tiuj ĉi iĝis la problemoj de lia vivo.

*

Lian gravecon ekkonis nur tre malmultaj. Zola tuj rapidis helpi lin. La nova pentrista generacio entuziasme aliĝis al li kaj rigardis lin estro de l'impresionista direkto. Ili forĵetis ĉiujn regulojn de l'estetiko. La diversaj specoj de l'„*klasikaj*“ komponaj metodoj: la akcentado de l'ĉeffiguro per lumo, koloro, movo, la kompono laŭ geometriaj formoj, la harmonia aranĝo de l'lumo kaj ombro, ktp. ktp., iĝis senvivaj reguloj. Kaj — fine — la temoj ĝis nun plej gravaj: la historio kaj mitologio iĝis senvaloraj. Pli da vivo kaj malpli da estetiko estis, kion ili serĉis. Ili ĵetis sin en la ĉiutagan vivon kaj el ĝia profundo ili elportis al la lumo novajn belaĵojn, kiuj estis bonaj ankaŭ por la pruvo de l'nova vero.

Emile Zola, en sia romano *L'Oeuvre,* monumentale priskribas la batalojn de l'unuaj impresionistaj pentristoj. Unu el la figuroj de ĉi tiu romano estas la pentristo *Claude Lantier,* kies artaj principoj efektive estas tiuj de Manet. Jen parto el la romano:

Fagerolles diris:

— Kompreneble maljunulo, en la Skolo ili korektas la modelojn . . . Antaŭ kelkaj tagoj paŝas al mi Mazel, la profesoro, kaj diras: „La femuroj ne estas sufiĉe dikaj!“ Mi respondas· „Bonvolu rigardi, la femuroj de tiu kna-

bino estas tiaj." La malgranda Flora Beauchamp estis la modelo, vi konas ŝin. La sinjoro profesoro koleriĝis kaj diris: Se la femuro de l' fraŭlino estas tia, do ankaŭ tiu fraŭlino ne estas prava.

... Dubuche, kiu ne ridis, havis kuraĝon respondi jene.

— Kial do vi restas en la Skolo, se vi pensas, ke tie vi estos malbonefikita? La solvo estas simpla: forlasu la Skolon!... Ho! — mi scias, vi ne toleras min, ĉar mi defendas la Skolon. Kredu, mi pensas, se oni volas labori en ia profesio, ne estas domaĝe, se oni unue ankaŭ ellernas tiun profesion.

Kolere atakis lin ĉiuj. La aŭtoritato de *Claude* estis bezonata por silentigi ilin.

— Li estas prava. Oni ellernu sian profesion. Sed ni ne lernu de tiuj vergaj sinjoroj profesoroj, kiuj volas trudi al ni sian propran vidon...

Li ĵetis sin surdorsen sur la lito kaj kun malproksimenrigardantaj okuloj, kun arda voĉo li daŭrigis:

— Ho! la vivo, la vivo! Ĝin eksen i, kaj ĝin respeguli laŭ la vero! Ami la vivon por ĝi mem, kaj en ĝi vidi la solan veran belon, la eternan kaj ĉiam ŝanĝiĝantan! Malsaĝa kredo estas, ke kastrante ni nobeligos ĝin... Estas ja necese kompreni, ke tiu tielnomata malbelo nenio alia estas ol karaktera trajto. Homojn krei, vivantajn, elkarnajn homojn: dia laboro estas!

Ili aŭskultis lin, mutiĝante. Li ektremis, poste iĝis pli mallaŭta.

— Bona Dio!.. Ĉiuj havas ian manion. Tio estas mizero, ke tiuj, tie en la akademio, estas ankoraŭ pli partiaj, pli malpaciencaj, ol ni... La juĝantaron de l'Salono ili havas. Mi estas certa, ke tiu kretena Mazel rifuzos mian bildon.

„*Déjeuner sur l'herbe*" (Matenmanĝo sur la herbo, 1863. Paris: Musée des arts décoratifs:) ĉi tiu bildo jam havas epokan gravecon. 1867 estis tiu memorinda jaro, kiam Manet prezentis ĝin kun la bildoj rifuzitaj el la *Salono*. Ĝi vekis ĝeneralan indignon. Du viroj kaj du — nuda kaj ĝisĉemize senvesta — virinoj aperas antaŭ ni sur arbara maldensejo. En la antaŭo sidas la grizpantalonaj, nigrajakaj, rozkolorkravataj, nigrabaretaj viroj, ŝajne pentristoj. La nuda virino sidas apud ili kaj la ĉemiza kaŭras en la malantaŭa akvo. Apud la nuda estas korbo plena de manĝaĵoj. La tuta sceno vidiĝas en griza, verdarĝenta harmonio.

La efiko de Velasquez estas okulvidebla, sed plie tiu de Goya. Nature pri efektiva imitado ni ne povas paroli. La „*Olympia*" (1865. Paris: Louvre) prenis la inspiron de la „*Nuda Maya*" de Goya. En ĉi tiu bildo Manet iris jam plue en la hela pentro. La tuta bildo estas agordita al la blanko de l'lito, kies efikon ankoraŭ pliintensigas la nigra silueto de l'negrino.

La efikoj de Goya estas plej facile rimarkeblaj en jenaj liaj bildoj: „*Sur balkono*" (1863 Paris: Musée Luxembourg) kaj „*La pafmortigo de la meksika imperiestro Maksimiliano*" (1868. Mannheim: Kunsthal). Ĉi tiun efikon montras ankaŭ liaj grafikaĵoj. El liaj gravaj verkoj estas: „La loĝio," „La bona biero," Trinkaĵtablo en la Folies Bergére", ktp. Kelkajn vortojn ankaŭ pri liaj sekvantoj: *Claude Monet*, *Camille Pisarro*, *Alfred Sisley*, *Auguste Renoir*, kaj *Edgar Degas* ne imitis lin, sed ili pluevoluigis la novan vidon kaj atingis novajn rezultojn. Monet kaj Pisarro pentris tutajn seriojn pri la sama temo, en diversaj partoj de l'tago. Tiel ili spertis, ke ne estas kvaronhoro sen grava lum-kaj kolorŝanĝo. La problemo do nun estis: pripentri la aperaĵojn dum tiom da tempo, dum kiom ankoraŭ ne estas videbla grava ŝanĝo. La rapideco de l'ŝanĝo postulis rapidan laboron. La multaj malgrandaj detaloj iĝis superfluaj. La koncize, unuece, momente ekvidita bildo de l'fenomenoj iĝis ĉefa problemo. *Signac* kaj *Seurat* atingis la finan konsekvencon de l'impresionismo: la sentigon de l'momentaj efikoj per kolorpunktoj. Sed ĉi tiu nova direkto jam ne estis pluevoluigebla kaj eĉ ĝi mem ŝtoniĝis en la manoj de siaj sekvantoj.



Manet: Ĉe Lathouille

# FRAGMENTOJ EL LA VERKOJ DE ANGEL GUIMERA

EL LA KATALUNA: JAUME GRAU CASAS

## MARO KAJ ĈIELO

AKTO I., SCENO XV.

SAID

Mi volas vidi lin fanfaronantan . . .
la koko sen spronoj kaj sen kresto!
Ĉiam vant' pri honor' kaj sur la lipoj
ĉiam nomo de Di', ne respektata!
Senkompata krimul'!... Lin vidu; filoj:
li estas ja el tiuj kiuj iam,
homamon hipokrite predikante,
elsuĉis nian sangon; eĉ en staloj
ne lasis al ni lokon ĉe la bestoj;
kaj malbenante nin, tre senkompate,
nin ĵetis tra la mondon, rifuzante
al ni, por paca morto, tero-pecon!
Kaj, je ilia Di'! ja nia estis
la mond' al ni rabita! Kaj ni fidu
pri gent', ĉe kiu — vidu — kune estas
malamo kaj pardon'; ŝafid' kun tigro:
la kruc' kaj la ponard' en sama peco!
Kaj nun aŭskultu min, por lia honto.
Maŭr' estis mia patro; amon sentis
al kristanin', post ŝajna konvertiĝo
je ŝi edziĝis: ili min generis.
Li similas Jezuon, patrin' diris.
Bela kiel hurio, diris patro.
Apud ili mi kreskis, dum konfuze
versetojn de l' Koran', kaj de l' Biblio
en vekiĝo kaj dorm' mi balbutadis.
La hejm' estis ĝardeno Valencia:
ĉie floroj en ĝi; eĉ en l' animo
de l' amantaj gepatroj, kia ĝojo!
Jezuon vidis ŝi; li la Profeton;
feliĉe ili vivis, kaj aspektis
kvazaŭ estus por ĉiam paciĝintaj
Mahometo kaj Krist' pro tia amo!
Sed la pac' estis nur en mia hejmo!

## REĜO KAJ MONAĤO

AKTO III., SCENO XI.

AGNÈS

En la nomo de Dio, min aŭskultu!
Por tiu am', kiun al mi vi ĵuris!
Por la nomo de nia filineto!

REĜO RAMIR

Diru. Oni ne vidu min aŭskulti.

AGNÈS

Mi ja volis vin ami! Mi sufokis
en brust' frenezan ardon, kaj nur volis
en viaj brakoj amon, esti tute,
tute via! Vi estis el marmoro!
Malfeliĉega mi, ĉiam preĝanta
al la Ĉiel' ke vi min amu multe
kaj ke mi amu vin! Kiel mi preĝis!
Al ni venis filino kaj mi diris:
Nun mia estas li! Mi estas lia!
Sed, ho ve! de post tiam ree estis
sur mia lit' monaĥo preĝadanta!

REĜO RAMIR

Mi preĝis, sed ne kore. Mia lango
estis por Di': por vi l' animo tuta!
Por vi kaj nur por vi! Dum vi dormadis,
de via spir' logate, vian buŝon
mi volis kisi... sed mi ĝin ne faris...
min mem kaj vin terure malbenante!
Mi ne povis vin ami, ĉar la vivon
eloferis al Dio mi, monaĥo!
Mi ne povis vin ami: kaj senvole
pli kaj pli ĉe la koro vin mi havis!
Vi tie estas nun kaj estos ĉiam:
ĉar multe pli ol Dion vin mi amas,
vi aŭdas? pli ol Lin! vin... el argilo
Ĉar pli anim' mia emociiĝis
kaj pli la kor' flugilojn siajn movis
kaj vibris pli estaĵo mia tuta
ho terur'! vin prenante en la brakojn,
ol ĉe l' altar' levante la Hostion!

---

# MONDLITERATURA OBSERVO

VLADISLAV REYMONT.

a ĉi jaran Nobel-premion la sveda akademio donis al la granda pola romanverkisto. Lia nomo alte leviĝas super ĉiuj kulturantoj de l'nova pola romano. Tridekjara li estis, kiam aperis lia unua romano: *La Lando de l'Promeso*. Kaj la granda romanciklo: *La Kamparanoj* levis la nekonatan polan romanverkiston inter la plej signifaj kaj gravaj aŭtoroj de l'mondliteraturo. De tiam oni komencis traduki liajn verkojn, kaj fariĝis mondkonataj ankaŭ la *Migrantaj Komediantoj*, *Ave Patria*, kaj la granda historia romano: *1794*.

En *La Kamparanoj* Reymont priskribas la vivon de pola vilaĝo, kaj ĝis nun ĉi tiu verko estas la plej granda kamparana epopeo de l'mondliteraturo. La neŝanceleblan konservativismon kaj samtempe eternan luktemon de l'kamparanaro priskribas en ĝi Reymont per sinsekvaj riĉaj kaj vastaj scenoj: ilian batalon por tero, lukton por justo, ilian amon, iliajn etajn malfeliĉojn, grandajn mizerojn, pekojn, kulpojn, kompromisojn, kaj iliajn ribelojn kaj spitojn. En nenia literaturo troviĝas ekzemplo de tia profunda kono kaj funda kompreno pri kamparanoj, kiel ĉe Reymont, nek etnografo, nek sociologo povus doni pri ili pli perfektan priskribon. Jen estas la romano, en kiu perfekte vivas la vilaĝo, ne nur la pola, sed ĉiu vilaĝo de l'mondo, kie la kamparano ne estas idealizita, nek malnobligita, li estas homo: suferanta, toleranta, animita homo. Kaj Reymont disponas pri grandaj verkistaj kapabloj, pri tiaj belaĵoj de l'priskribo, kiuj, post ĉiu ĉapitro, pri Balzac memorigas la leganton. Se la romanverkisto de l'burĝa socio estas Balzac, tiu de l'kamparanaro estas Reymont.

La *Migrantaj Komediantoj*, unu el liaj plej popularaj romanoj, prezentas al ni la saman sferon, kiun la *Goncourt*oj en la *Fratoj Zegnano*. Sed Reymont povas diri ion novan, povas disvolvi novajn belaĵojn. La heroino de la romano estas junulino, kiu venas inter la komediantoj kun animo plena de sopiroj, kredo, pasio pri l'Arto, kaj kiu fine tamen fariĝas filistro. Reymont perfekte prezentas al ni, kiel rompiĝas en la vivobatalo la altflugaj sopiroj kaj entuziasmo de l'artisto, kiel li faras kompromison kun la ĉiutago, kiel konformiĝas liaj animo kaj sopiro iom post iom al la ordinaraj kutimoj. La heroino de l'romano volas flugi kaj fine, sur malrapida veturilo ŝi iradas la grizan vojon de l'vivo.

En la *„Lando de l'Promeso"* Reymont priskribas, kiel evoluas fabrikurbo, kiel la kamparano fariĝas laboristo kiel li esperas per la ekaltiĝintaj kamentuboj, bruantaj maŝinoj, esperoj de l'riĉeco, novan vivon, pli belan kaj pli bonan mondon kaj kiel restas por li ĉio kiel antaŭe: lukto kaj mizero. Kaj la romano — propre la historio de la urbo Lodz — ekhavas ankaŭ pli vastajn perspektivojn, ĉar ne nur la trompiĝon de l'laboristoj ĝi priskribas, sed ankaŭ tiun de l'fabrikposedanto, de l'kapitalisto, de l'tuta socio. Kiel la familio de l'fabrikposedanto pli kaj pli malnobliĝas sub la ŝarĝo de l'riĉo, kiel formiĝas la klaskategorioj de oficistoj, kiel ne plu sin komprenas kaj malamikiĝas tiuj, kiuj antaŭe tenis sin kune: ĉi tiuj bildoj estas frapante plastikaj en la romano.

La *1749* estas la romano de l'pola liberecmilito, de la Varsovia ribelo ĝis la maciejovicea malvenko. Estas partoj en la verko kun kiuj povas konkuri nur la ĉapitroj de la *Milito kaj Paco* de Tolstoj. Sed la bagatelemo, etaj celoj, kvereloj pro vanteco, malamoj de homoj perfekte prezentiĝas en la romano de Reymont, kiu kuraĝis en sia verko malkaŝi la erarojn ankaŭ de l'propra nacio. Tamen 1749 estas unu el la plej popularaj polaj libroj. Reymont, en la eksterlandaro, ĝis nun apartenis nur al tiuj, kiuj elserĉas la bonajn librojn kaj sopiras je veraj verkistoj. Nun, espereble, per la Nobelpremio, li fariĝos ankaŭ populara, kaj en ĉi tiu okazo la granda publiko rekonos veran, grandan verkiston kaj veran poeton. *lm.*

## LA KATALUNA VERKISTO ANGEL GUIMERA

Angel Guimerà estas mortinta la 18an de Julio 1924, ka okaze de lia morto oni unuanime alnomis lin „la poeto de Katalunujo plej populara kaj universala". Sed pli ol kiel simpla poeto, li estis admire konsiderata precipe kiel teatra aŭtoro: liaj dramoj kaj liaj versaj tragedioj estas liaj plej famaj verkoj.

Guimerà, en sia longa vivo, ĉar li mortis 75-jara, kreis longan serion da majstraj teatraĵoj, el kiuj multaj transflugis la naciajn limojn.

Li estas la plej tipa reprezentanto de la romantika skolo en la kataluna literaturo: ĉi tio kaj lia nesuperebla arto prezenti scenojn simplajn kaj kortuŝajn, naskis la fortan admiron kaj simpation kiujn li havis ĉe la granda publiko.

Lia plej karakteriza dramo estas „Terra baixa" (En la malsupra lando). Ĝia argumento estas tre forta kaj ĝia protagonisto, la paŝtisto Manelic (Manelik), havas scenojn de emocia sovaĝa beleco.

La paŝtisto *Manelic* venas „en la malsupran landon" edziĝi kun *Marta,* laŭ antaŭaranĝo de la bienmastro *Sebastia,* kiu sekrete havis seksajn rilatojn kun ŝi. Sebastià, senskrupula malvirtulo, aranĝas ke Manelic venu esti lia muelisto kaj edziĝu je Marta, ĉar li tiel esperas povi daŭrigi pli *sendanĝere* sian rilaton kun ŝi. Marta, kompatinda virino, estas trompita per la informo ke Manelic konsentas la edziĝon, eĉ sciante *ĉion,* kaj pro tio ŝi sentas abomenon al la paŝtisto, kun kiu ŝi edziniĝas nur pro minaco de *la mastro.* Post la simpla edziĝofesto, Manelic krude rakontadas, inter aliaj aferoj, kiamaniere li mortigis, korpon ĉe korpo, la *unuan* lupon. Marta ekadmiras lin kaj ekdivenas ke oni lin trompis.

Manelic observas strangan sintenon ĉe sia edzino kaj aŭdas mokojn kaj aludojn pri li kaj la ĉiaman ekkrion: Kompatinda Manelic! Kompatinda Manelic! Fine li postulas klarigon kaj Marta rakontas ĉion. La bona Manelic decidas reiri en la montaron *kun Marta.* Ŝi diras ke *la mastro* ne permesos ŝian foriron. Li respondas ke ŝi estas *lia edzino* kaj la mastro ne plu rajtas pri ŝi. La sceno, en kiu Marta klarigas la tragikan situacion, estas belega. Manelic terure ekkoleras, li insultas ŝin, minacas la mastron Sebastià, malbenas la *malsupran landon* kaj sopiras je la pureco kaj boneco de siaj montaroj. „Eble tie estas boneco, ĉar tie ne estas homoj". Fine li moliĝas, li kompatas sian edzinon, kun kiu li baraktis ruliĝante teren en sovaĝa ĉirkaŭpreno, li levas ŝin kaj ĵuras ke ili de nun por ĉiam sin amos reciproke.

En la tria akto Sebastià volas malpermesi la foriron de Marta. Manelic diras ke li ne plu estas lia mastro, sed lia rabisto. La mastro minacas lin. Manelic malŝatas tian minacon: li ne timas homon, ĉar li scias mortigi lupojn. En la lasta sceno Sebastià kaj Manelic terure luktas kaj la paŝtisto, forlasinte ĉian armilon, per siaj fortaj manoj, mortigas sian kontraŭulon. Li prenas la edzinon Marta en siajn brakojn kaj forkuras al la montaro kriante: *La lupon, mi mortigis la lupon!*

La dramo „Terra baixa" estas ludita centojn da fojoj. La granda kataluna aktoro Enric Borràs genie prezentis la figuron de *Manelic.* Ĉe la „Parko de Montjuic", en Barcelono, troviĝas monumento kun bronza statuo de la fama paŝtisto, kiu havas propran vivon ekster la scenejoj kaj restos unu el la kreaĵo de la eminenta dramisto Guimerà. Tiu grava kataluna verko havas tradukon en lingvoj hispana, franca, portugala, itala, angla, germana, sveda, rusa, ĉeĥa, serba kaj aliaj. En Esperanton ĝi estas tradukita, sed neeldonita. Ĝi estis unuafoje ludata la jaron 1896 kaj donis temon al du operoj: unu franca, kun la titolo „La Catalane", adaptaĵo de Tiercelin kaj P. Février, muziko de Ferran Le Borne; alia germana, „Tiefland", muziko de Eugen d'Albert kaj teksto de la fama dramisto hungara Rodolf Leothart.

Aliajn gravajn dramojn verkis Guimerà, inter ili: „Maria Rosa", „La festo de l' tritiko", „Pastro Janot", „L' animo estas mia".

El la tragedioj, verkitaj en dekunusilabaj *liberaj* versoj, la plej gravaj estas: „Maro kaj ĉielo", „Gala Placidia", „Judith de Welp" „Indibil kaj Mandoni", „Reĝo kaj monaĥo", „Jezus de Nazareth". Same kiel ni faris pri la dramoj, ni skizos la ĉefan el la tragedioj: Mar i cel".

Ĉi tiu tragedio estas titolita „Maro kaj ĉielo", ĉar la agado dum ĉiuj tri aktoj okazas en ŝipo de Alĝeriaj korsaroj. Epoko: jaro 1630. La korsaro *Said,* maŭro el tiuj forigitaj de Hispanujo, kaptis kristanan ŝipon veturantan de la Balearaj Insuloj al Barcelono, sur kiu troviĝas maljuna grava militisto, *Carles,* kun sia filino, *Blanca,* kiu sin direktis al Barcelono por tie eniri monaĥinejon. Ankaŭ estas kaptitaj la kristana ŝipestro, *Ferran,* kuzo de Blanca, kaj multaj ŝipanoj. Said faras demandojn al Ferran, kiu ne konsentas respondi ilin malgraŭ ĉiaj minacoj. Tiam Carles insultas Said'on; tiu ĉi respondas al la insulto, malŝatante siavice la kristanojn, kiujn li kulpigas pri ĉiuj siaj doloroj. La monaĥino Blanca estas tre kortuŝita aŭdante la tragikan vivon de Said, kiu rakontas pri sia naskiĝo de kristana patrino kaj maŭra patro, pri la kruela morto al ili ambaŭ kaŭzita de la kristanoj, pri la devigo al ĉiuj maŭroj forlasi Hispanujon. Li malŝatas tiun genton, ĉe kiu estas strange kunigitaj la plej kontraŭaj simboloj:

... malamo kaj pardon'; ŝafid' kun tigro:
la ponard' kaj la kruc' en sama peco.

Blanka ploras kiam Said finas sian rakonton. Ŝia patro riprocas ŝin pri tio, kaj ŝi, por kaŝi sian moliĝon kaj kompaton kaj eĉ ian konfuzan senton pri la korsaro, intencas mortigi lin. Tiu ĉi evitas la ponardbaton kaj sen ia kolero demandas, kial ŝi tiel *malamas* lin. Poste li prezentas sian bruston por ke ŝi lin vundu ... sed ŝi lasas fali la ponardon kaj svenas.

La kompato de Blanca pri Said ŝanĝiĝas en admiron kaj fine en amon, kvankam ŝi mem ne klare konscias pri tio. Siaflanke Said sin sentas strange influata de tiu virino. Post kelkaj tagoj da malliberiĝo en la ŝipo kaj baldaŭ alvenonte en Alĝerion, Blanka petas sian kuzon Ferran ke li mortigu ŝin, se li ŝin vidas en danĝero. Ferran promesas plenumi tion kaj Blanca danke kisas lian manon. Vidante tion, Said ne povas rezisti sian ĵaluzon kaj koleron, kaj vokas siajn ŝipanojn por ke ili satigu sian furiozon ĉe la personoj de Carles kaj Ferran. Sed, subite kiam Said aŭdas ke Blanca ne amas sian kuzon kaj ke ŝia kiso estis nur danko por la ricevita promeso, li aliigas sian decidon kaj ordonas al la ŝipanaro respekti la vivon de la kristanoj. Li faras ne nur tion: li ankaŭ ordonas ke la ŝipo reiru en la maron, ŝajnigante ke estas proksime alia atakebla ŝipo, por eviti danĝeroin al Blanca ĉe la alveno en Alĝerio, kie li ne plu rajtus pri la kaptitino. Blanca sentas pro tio koran dankemon al li. Iom poste, la kristanaj kaptitoj, kun la helpo de unu el la korsaroj (malkonfesinta kristano, nun pentanta sian perfidon), sukcesas liberiĝi, kontraŭbatalas la korsarojn kaj fine ekregas sur la ŝipo. Tiam la patro de Blanca volas mortigi Saidon, sed ŝi kovras la korsaron, minacante mortigi sin per ponardo se oni atencas kontraŭ la vivo de Said.

La patro de Blanca konstatas kun teruro ŝian amon al Said, kaj malbenas ŝin. Said ĵetis siajn armilojn, sed ŝi konservas la ponardon en la mano. La korsaro, tre kortuŝite pro la sinteno de Blanca, petas de ŝi ke ŝi forĵetu la armilon kaj klopodas malŝatigi sin de ŝi, memorigante ke li dronigis ilian ŝipon kaj kaŭzis ĉiujn iliajn ĉagrenojn. Ferran admiras la heroan konduton de la korsaro, kaj petas kune kun Blanca ke oni pardonu lin. Sed la furioza patro ne cedas. Ferran pretigas boaton por ke Said saviĝu. Tiu ĉi promesas iri en Hispanujon serĉi Blanca. Kiam Said pretiĝas forlasi la ŝipon, Carles pafas al li, sed trafas sian

filinon, kiu sin metis inter ilin. Said prenas la mortantan korpon de Blanca, kaj ili ambaŭ, en ama ĉirkaŭpreno, sin ĵetas en la akvon. La lastaj vortoj de li kaj ŝi estas: Al la maro! Al la ĉielo! — La tuta agado estas brodita per legaj literaturaj pecoj.

Krom la multnombraj dramoj kaj tragedioj, Guimerà verkis famajn poemojn. Du el la plej rimarkindaj estas „Migrado" kaj „La mila jaro", tiu ĉi lasta majstre priskribasa la teruron kiu regis en tiu tempo pri finiĝo de la mondo. Ili ambaŭ estas tradukitaj en Esperanton.

La granda verkisto Guimerà estis honorata, ĉe sia 60-jara aĝo, per grava popola demonstracio, kiu tutplenigis la vastan Placon de Katalunujo en Barcelono. La tagon de lia enterigo, estis fermataj ĉiuj butikoj en la kataluna ĉefurbo. Akompanis lian kadavron pli ol 50.000 personoj. Guimerà ne nur estis granda poeto, sed ankaŭ patriarko de la renaskiĝinta kataluna literaturo, simbolo de la vivon deziranta moderna Katalunujo. *Jaume Grau Casas*

# BIBLIOGRAFIO

## VILHO SETÄLÄ: TÄYDELLINEN SUOMI-ESPERANTO SANAKIRJA

(Plena Vortaro Finna-Esperanta)
Helsinki (Finnlando), Helsingissä Kustannusosakeyhtiö Otava.

Tiu ĉi dika (832-paĝa) verko, kun iom stranga formato certe faros gravan servon al la propagando de nia lingvo en Finnlando. La aŭtoro, S-ro Vilho Setälä, membro de la Lingva Komitato, jam estas multe konata en nia mondo; oni konas ne nur lian nelacigeblan energion kaj fervoron, sed ankaŭ lian talenton. La verkon mem ni ne povas kritiki — ne konante la finnan lingvon, — sed ni povas esti konvinkitaj, ke ĝi estas bona. Sincere ni gratulas la aŭtoron kaj ni kore deziras al li plenan sukceson. *pdl.*

## FRIEDEBERT TUGLAS: POPI KAJ HUHUU.

Novelo. El la estona: Henriko Seppik. 1924. Eldonejo. M. Tamverk. Haapsalu — Estonio. Esperanto-fako.

Post la flankenmeto de la libro, sub strangaj impresoj, mi volas analizi ĝian frapantan efekton. La temo ja estas simpla: hundo kaj simio, post la foriro kaj morto de la domsinjoro, vivas en la forlasita domo kuriozan vivon. La simio malordas la tutan loĝejon, tiranas la hundon, fine pereigas ĝin kaj sin per eksplodo.

La temo ŝajnas komika. Sed kio fariĝas el ĝi dum la senindulga fluo de l'rakonto! La aŭtoro rakontas. Per mallongaj, indiferentaj, preskaŭ sekaj frazoj, per lingvo konciza sed aparte fortesprima kaj trafa. Kaj el la mallongaj frazoj kvazaŭ mozaikbildo stariĝas antaŭ nin la konfuza pensaro de l'ĉambrohundo. Frazo sekvas frazon kaj sub ilia nerezisteble sugestia forto, iom post iom, ni sentas nin en tiu sama malklara nebulo, kiu ĉirkaŭas la etan menson de la kompatinda Popi. Kaj la historio, kiu ŝajnus komika al nia homa intelekto, ekŝajnas subite, tra la turmentata cerbo de l'ĉambrohundo, mistera, fatala, timiga, frostotremiga. Kia mistikeco envolvas la figuron de la simio Huhuu, kiel ĝi grandiĝas antaŭ nin en Malbonan Sinjoron, kiu okupis la lokon de la Bona. Ni estas emociitaj, la sugestia kapablo de l'aŭtoro transportis nin en alian mondon: du ĉambroj kaj kuirejo estas la tuta, sed ĝi havas tiom da misteroj, kiel la granda mondo, nia mondo. Kaj nun, ĉi tie, en ĉi tiu malvasta mondo, rememorante pri la alia mondo vasta, ni, ĉe ekfulmo de simbolo, ekvidas la oftajn Huhuu, en vestoj trovitaj, forlasitaj de iu Bona Sinjoro. Kaj Popi, ho, Popi, la kompatinda Popi, kiu „havas ankoraŭ krepuskan memoron pri la Bona Sinjoro kaj la malproksima Ora Epoko." Sed „ĝi estas kutimiĝinta timi kaj estimi iun. Por ĝi eĉ tiu ĉi Sinjoro sufiĉas."

La libreto estas vera pliriĉiĝo de nia literaturo, perlo, pri kiu ni povas fieri, tiom pli, ĉar ĝi estas apenaŭ akirebla en naciaj tradukoj.

La traduko estas *tre bona.* Kelkajn frazojn mi eble alie vortordus, sed tio ĉi estas eble nur persona gusto. Mi faras solan riproĉeton. La tradukinto tro ofte uzas la kunmetitajn verboformojn. Mi konsilus, ĉar ili tro pezigas la frazojn, ilin uzi nur en okazo de efektiva neceso, tio estas, danĝero de malkompreno. Aliokaze — prefere malpli granda gramatika precizeco, ol frazoj, kiuj trenas sur siaj piedoj centfuntojn: verboformojn de duonlinio. *Kopar*

## FRIEDEBERT TUGLAS: KVIN NOVELOJ

Kun la portreto de l'aŭtoro. El la estona: Henriko Seppik. Eldonejo: M. Tamverk, Haapsalu — Estonio. Esperanto-fako. 158 pĝĝ.

Pri la granda estona novelisto donas tiu ĉi libro tre bonan kaj sufiĉe plenan prezenton.

Ĝi enhavas la supre recenzitan *Popi kaj Huhuu,* kaj la grandiozan *„En la fino de la mondo"* (recenzita sur pĝ. 76.) kaj krome tri novelojn, el kiuj unu, „Miraĝo", aperis en L. M. II. 1. (pro malfeliĉa eraro sub la titolo „Mirepoko.")

Ĉi tiuj tri noveloj montras la samajn grandajn kvalitojn kiel la antaŭaj. La „Ĉielaj Rajdantoj", kie la kompatinda, stulta Bova akiras monon per la mortigo de sia mastro kaj dissŭtas ĝin dum unu nokto, la „Ora Ringo", kie, post la morto de la tro saĝa, tro prudenta, tro reala Jürgensen, lia subpremita revo pri bela, bona, granda vivo volas plu vivi kaj baraktas en la turmenta neeblo de l'realiĝo, la „Miraĝo", grandioza simbolo pri la grandaj, brile-trompaj esperoj kaj vanaj fortostreĉoj de ribela popolo, ĉiuj katenas, mi riskas diri, ensorĉas la elektitan leganton. Estas interese, ke oni apenaŭ povas diri, per kio li atingas ĉi tiun efikon. Eble, ke la noveloj konstante *okazas,* ke en ili estas ĉiam ia streĉo de *atendo,* kaj ke animstatojn ili prezentas al ni kvazaŭ palpeblaj, ofte per tute strangaj rimedoj. Mi rememoras ekzemple pri la karbolodoro de la gantoj de Jürgensen, kiom ĝi faras plastika la bildon pri lia amara, seka, senreva, senespera, velkviva, malsana animo.

Povas esti iuj dirantaj ke ili ne tute komprenas tiun aŭ alian novelon, sed certe ili ne diras veron dirante ke ili ne sentis ofte grandan, kvazaŭ inkube fortan impreson dum ilia lego. Kaj, tion konfesante, ili difinis la simbolismon, kiu ne volas nepre *signifi,* ĝi ja ne estas alegorio, sed volas impresi kaj emocii, trenante nin post si per nekonataj fadenoj: malklaraj, subkonsciaj asocioj. La simbolo vivas sian propran vivon, kaj tie ĉi kaj tie ĝi tuŝas, similas, aludas ion kaj tiujn ĉi tuŝojn, similojn, aludojn ni rimarkas kaj eksentas laŭ niaj povoj, humoroj, asocioj, memoroj. Tial oni povas la simbolon klarigi diversmaniere. Sed se vi volas vere ĝui ĝin, neniom klarigu, lasu, kvazaŭ senkonscie, efiki ĝin, ĝi faros sian aferon!

La granda verko (ĉar ĝi estas vere granda verko en nia literaturo) havas bonegan interpretanton en la tradukinto. Li estras la lingvon, oni dum paĝoj forgesas, en kia lingvo oni legas: granda laŭdo pri Esperanta stilo. Makuletojn mi apenaŭ rimarkis, mi notis nur „demandi" anstataŭ „peti", „pli frue" anstataŭ „antaŭe", „kutiminta" anstataŭ „kutimiĝinta". La uzitaj neologismoj (ne multaj) ŝajnas al mi plejparte motivitaj. Nur pri „morna" mi ne povas konsenti. „Morne" france signifas „malgaja, malserena, malhela, ĉagrenita", do ĝi ne povas esti uzata en la senco: „estiganta malklaran timegon". Eble ankaŭ la tro teknikaj vortoj el la marista terminaro estus prefere evititaj. Kaj mi ripetas, kion supre mi diris pri la kunmetitaj verboformoj. Ĉu ne estas pli elegante: „Kiam li jam foriris" ol „kiam li estis foririnta"?

Mi ne finu kun riproĉo. Belega libro, bonega traduko, malofta ĝuo! *Kopar*

## ESPERANTA BIBLIOTEKO INTERNACIA

Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel Berlin kaj Dresden

Dua eldono! En nia malvigla literatura vivo ĉi tio signifas sukceson. Kaj la libroj, pri kiuj temas, certe meritas ĉi tiun sukceson. Tre bone broŝurite, kun sia forta paperkovrilo ili estas bonaj kaj agrablaj vojaĝkunuloj, en la ĉefubro de Esperantujo oni certe vidus sur la tramveturilo en la mano de ĉiu tria homo tian libreton. *„El komedioj“* (No. 8) donas fragmentojn el la klasikaj tradukoj de l' Majstro *(La Revizoro* kaj *Georgo Dandin).* *„Japanaj Rakontoj“* (No. 10-11) konigas kelkajn perletojn de la klasika japana literaturo, inter ili estas la tre amuza *Du Sake-Vendistoj.* Tre lerte kunmetitaj kaj utilaj estas la *„Konsiloj pri Higieno“* de *R. Stolle* (No. 17). Ĝoje mi revidis la *„Instituto Millner“* de Jean Julien *(No. 24), ĉi tiun* interese fantazian verketon pri la Instituto de Amo, kiun mi tiom ĝuis en mia unuajara Esperantisteco. Mi legis ĝin denove kaj ĝi ne malpli plaĉis. Sed karaj estas al mi ankaŭ la *Noveletoj el la Nigra Arbaro* de Helena Christaller, kun sia milda bonhumoro, inspirita naturpentro kaj trafa karakterizo de kamparaj animoj. Ankaŭ *La Patrino* (No. 27) de Ernst Zahn, ĉi tiu eta majstroverko kun sia simpla stilo, simplaj karakteroj, emocia enhavo estas mia ŝatata legaĵo. Mi varme rekomendas la libretojn kies prezo estas malalta, ĉiu numero po. 0,25 sv. fr. *(—do)*

## R. DE LADEVEZE: DEMANDARO

Pri la historio, literaturo kaj organizaĵoj de Esperanto por Esperantaj ekzamenoj. Reviziita, kompletigita de Prof-ro Dro Göhl. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G. M. B. H. Berlin kaj Dresden 1923. 107 pĝĝ. Prezo svfr. 1.30.

La titolo bone montras la enhavon de la libro. Laŭ bone faritaj demandoj, bone faritaj respondoj klarigas la klarigindaĵojn. Esti esperantisto signifas ne nur scii Esperanton sed ankaŭ scii la Esperantan vivon. Por akiri ĉi tiun scion bone taŭgas ĉi tiu libreto, kiun devus aĉeti ĉiu kursano kaj rekomendi ĉiu kursogvidanto.

# LITERATURA REVIVIĜO

### RAYMOND SCHWARZ DE LA VERDA KATO

. . . . . Kaj tiu ĉi Librejo, la „Centra“ laŭ difino,
Fariĝas ĉiunokte sorĉregno de feino.
Dum tag', — mi tion scias, — en paco kaj silento
Sub ŝirma polvtavolo de jam kvaron-jarcento
Ripozas sur la bretoj. laŭlonge de l'kvar muroj,
Binditaj belaj libroj najbare kun broŝuroj
Kaj sen reklama bruo, samkiel Esperanto,
Atendas eblan venon de ebla aĉetanto . . . . .

Noktmeza hor' sonoris. Ankoraŭ ĝiaj vibroj
Akorde kaj signale tremetas sur la libroj
Kaj jam de ĉiuj partoj, de l'planko ĝis plafono,
Tra ĉiuj librofakoj laŭtiĝas flustra tono,
Kaj sorĉe enkorpiĝas klasike famaj nomoj
Kaj are rondodancas la svarmo de fantomoj . . .

*Sokrato* de Jean Couteaux, fumante sian pipon,
Timtremas, ĉar dumtage revidis li . . . Ksantipon!
„Ne estis ŝi! — sed tamen portreto tre simila,“
Al li konsole diras *Barbiro de Sevilla.*

*Ifigenio* ĉasta kun *Halka* kaj *Karmeno*
Babilas pri sukcesoj ĉe l'Kvara en Dresdeno.

La Prus'a *Faraono* kun ironia rido
Pretendas, ke pli certe ol ŝtona piramido
Eterna polvtavolo ĉi tie lin protektas,
Ĉar, ke li tie kuŝas . . . la Angloj ne suspektas!!
Sed jam responde tusis signife kun ekspiro
*Makbeto,* krima reĝo el lando de Ŝekspiro.*)

*Hamleto,* la heroo de majstra tragedio,
Sidante tre komforte sur la *Krestomatio,*
Por fine konatiĝi kun sia la aŭtoro
Nun lernas *l'Anglan Lingvon* kaj eĉ *Sen Profesoro!*

Sed ĵus aŭdiĝis voĉo el supraj bretetaĝoj . . .
Ha vi, *Georgo Dandin!* — El netranĉitaj paĝoj
De paliĝinta libro sopiraj vortoj sonas:
„Mi — kvankam kiel *Reĝo de l'Montoj* supre tronas, —
Nun sidas *Sub La Neĝo* de l'polvo lastetaĝa
Kaj *En Malliberejo* — (libreto tridekpaĝa)
Tutsola kun *Frenezo* — (du unuaktaj dramoj).

*) Rimarku la ricecon de la rimoj!
Rim-arko de l'autoro.

Sopiras al *Misteroj De Amo* miaj flamoj
Kaj lumas jam la *Verdaj Fajreroj* de l'printempo;
Pretiĝu al *Eliro,* ankoraŭ estas tempo,
Kaj al *Vojaĝ' Interne De Mia Ĉambro!* — Certe!“
Kaj tiel parolinte *Georg'* simiolerte
Degrimpis de l'supraĵo kaj tra la *Proverbaro*
Alvenis kun *Bukedo* ĉe *Virinet' De Maro.*
Ŝi estis tiu *Marta,* ĉe kiu antaŭ longe
Li gasto estis en la *Kastelo De Prelongo;*
Krom danko li ankoraŭ al ŝi — pro pruntedono —
Ŝuldadis la *Sentencojn De l'Saĝa Salomono.*
*Fatala* Ŝuldo, ho ve! (de Sinjorino Cense) . . .
*Ĉu li? — La Avarulo!* ŝi kriis kaj kompense,
Post forta *Vangofrapo,* (traduko de Ŝo Saro)
Insultojn serĉis en la *Marista Terminaro.*
. . . *Batalo De La Vivo . . . Mistero De Doloro . . .*
Sed li sin senkulpigis, almenaŭ pro l'honoro:

„Mi havis *Travivaĵojn*“ li diris, „pli ol *Ro Ŝo!*
Min kaptis *la Rabistoj* kaj ve, en mia poŝo
Neniu mono restis, ne eĉ la . . *Readmono!*
Hontinde trabatita pli ol *Amfitriono*
Sur *Fundo De l'Mizero* mi rampis tra mallumoj
Kaj vagis *Tra La Mondo . . .* (entute du volumoj!)
En tiuj ĉi *Abismoj* vi estis balzamguto,
Nur vi, *Mirinda Amo.* kaj . . . *Solo* nur *De Fluto!*“

Tuŝite ŝi pardonis al sia koramanto
Kaj harmonie sonis *l'Interrompita Kanto . . .*

„*Kiel Ni Plibeligos La Vivon?* diris Marta,
„Ho venu nur,“ li flustris, „sur bretangul' aparta
Ni kuŝos sur la *Lauroj,* parolos pri . . *Patreco*
En ama ĉirkaŭpreno, en ĉarma feliĉeco!
Ni bone amuziĝos, ĉar tie sur la breto
De longaj jaroj restas leginda volumeto . . .

Kaj Marta kaj Georgo, (ĉu nur pro scivolemo?)
Okupis sin ververe pri tre scienca temo,
Kun intereso, sen bruaj ekkrioj,
„*Pri Unu Speco De Kurbaj Linioj*“ . .
Jen estas la titolo . . . .

Sed lumas jam l'aŭroro, —
Silenton! — Baldaŭ venos, ĉu ne, *La Revizoro!*

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró